2.ª Ep. AÑO XII N.º 70 (206) NOVIEMBRE - DICIEMBRE 1974




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# XVIª KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Lia Moŝto la Urbestro de Cervera malkovras la tabulon kiu donas la nomon «Carrer Esperanto» al nova strato de la urbo.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Sekretario:
S-ro José M.ª González Aboín
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 200 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1974

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* | 7.510,— | ptas. |
| 1 X 2 (Zaragoza) | 500,— | » |
| Félix de Valoix (Calella) | 200,— | » |
| *Total* | 8.210,— | » |

NOVA DUMVIVA MEMBRO

N.º 14 Sergio Docal (Usono)

## Atención

El Grupo Esperantista "Fido kaj Espero", de Valladolid, tiene a la disposición de quien desee adquirirlo, material del XXXIV Congreso de Esperanto. Precio por unidad del material sobrante es el siguiente: Libro de Congreso, 50 pesetas; Medalla de Congreso, 40 pesetas; Sobre, 3 pesetas, y Hoja de viñetas, 3 pesetas.

Los pedidos y pago a Grupo Esperantista "Fido kaj Espero", Dos de Mayo, 4, bajo, VALLADOLID.

## deziras korespondi

HISPANUJO. — Zaragoza, str. Coso, núm. 86, 1.º, Gelernantoj de Esperanto-kurso ĉe Círculo Cultural Medina deziras korespondi kun eksterlandaj gekursanoj.

POLLANDO. — Poznan, Rynek Lazarski 9 m 15, S-ino Janina Jarecka deziras korespondi kun hispana esperantist(in)o.

BULGARUJO. — Gabrovo, ul. Skobelevska 30, S-ro Petko Totev Petkov deziras korespondi kun hispana esperantist(in)o.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — 190 000 Praha - Prosek, Mimonská 638, S-ino Olga Mokrejsová deziras korespondi kun hispana esperantist(in)o.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Okres Melnik, Horní Pocáply c. 183, S-ro Frantisek Vesely deziras korespondi kun hispana esperantist(in)o.

## ĜOJAN KRISTNASKON

## FELIĈAN NOVAN JARON

*Honore kaj omaĝe al D-ro Zamenhof en la ĉi-jara reveno de la tago de ties naskiĝo: 15 decembro 1859*

# PRI LA KONGRESOJ DE ESPERANTO

Ĉar ni decidis kunvenadi ĉiujare el ĉiuj landoj de la mondo kaj multaj el ni faras eĉ tre grandajn oferojn por povi partopreni en niaj kongresoj, tial ni devas klarigi al ni, por kio ni kunvenas. Se ni konscios bone la esencon kaj celon de niaj kongresoj, tiam ni venados al ili kun ĉiam freŝa kaj neniam malfortiĝanta entuziasmo, kiel homoj, kiuj klare vidas antaŭ si belan celon, al kiu ili iras; sed se ni ne konscios la celon de niaj kongresoj, tiam ni baldaŭ tute malvarmiĝos por ili, kiel homoj, kiuj vagas sencele kaj kiujn tiu vagado baldaŭ lacigas kaj enuigas. Por kio do ni kunvenas? Ĉu ni kunvenas por paroli pri esperantaj lingvaj demandoj? Ne! Tiuj ĉi demandoj apartenas ne al la kongreso, sed ekskluzive al la Lingva Komitato, kaj por ili sufiĉus kongreso de komitatanoj. Ĉu ni kunvenas por ekzerciĝi en esperanta parolado? Por tio sola ni ne bezonas veturi al kongreso, ĉar en niaj hejmaj grupoj ni povas en la daŭro de la tuta jaro multe pli ekzerciĝi, ol en la kelkaj tagoj de la kongreso, kaj por la sola kelktaga ekzerciĝo en parolado neniu entreprenus grandajn vojaĝojn. Ĉu ni kunvenas por fari manifestacion kaj sekve propagandon? Jes, certe! Sed ĉar el cent kongresanoj almenaŭ naŭdek-naŭ havas de Esperanto nur moralan profiton, por kio do ni ĝin propagandas? Mi ne dubas, ke la plimulto el vi donos al ni nur unu respondon: ni faras manifestacion kaj propagandon por la esperantismo ne pro ia utilo, kiun ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu gravega signifo, kiun la esperantismo havas por la tuta homaro, pro tiu komunehoma celo, kiu nin, aktivajn esperantistojn, altiris al Esperanto; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en si enhavas. Kiel la antikvaj hebreoj tri fojojn ĉiujare kunvenadis en Jeruzalemo, por vigligadi en si la amon al la ideo monoteisma, tiel ni ĉiujare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo por vigligi en ni la amon al la ideo esperantisma. Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj.

En Esperantujo regas ne sole la lingvo Esperanto, sed ankaŭ la interna ideo de la esperantismo: en Esperantujo regas ne sole la oficiala ĝenerala esperantismo, —tie regas ankaŭ io alia, io ĝis nun ankoraŭ ne precize formulita, sed tre bone sentata de ĉiuj esperantistoj —tie regas la verda standardo!

Kio estas la verda standardo? Se por iu komercisto, kiu uzas Esperanton nur por vendi siajn komercaĵojn, aŭ por iu sportisto, kiu uzas Esperanton nur por amuziĝi, nia standardo estas simpla signo de nia lingvo, simpla interkonsentita dekoracio por niaj kongresoj kaj institucioj —ni, esperantistoj-batalantoj, certe vidas en nia standardo ion alian: ĝi estas por ni io sankta, ĝi estas la signo, sub kiu ni marŝas al nia paca batalado, ĝi estas la voĉo, kiu konstante memorigas al ni, ke ni laboras por Esperanto nur tial, ĉar ni esperas, ke pli aŭ malpli frue, eble post multaj jarcentoj:

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Ni konstante ripetadis, ke ni tute ne deziras nin enmiksi en la internan vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton inter la gentoj. La devizo de la ideaj esperantistoj, neniam ĝis nun precize formulita, sed ĉiam klare sentata, estas: *«Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkompreniĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn».*

Vi ofte aŭdis pri la neŭtraleco de niaj kongresoj. Jes, neŭtraleco estas

la ĉefa principo de niaj kongresoj; sed oni devas ĝuste kompreni la sencon de tiu ĉi neŭtraleco. Neŭtraleco ekzistas en ĉiuj internaciaj kongresoj; sed dum tie la neŭtraleco estas simpla afero de takto, ĉe ni ĝi estas la ĉefa principo, ĉe ni la neŭtraleco, aŭ pli ĝuste la neŭtraligo de la intergentaj rilatoj estas la tuta enhavo, la tuta celo de niaj laboroj. Tial ni neniam devas paroli en niaj kongresoj pri aferoj speciale politikaj, kiuj apartenas al la diplomatoj, aŭ pri aferoj speciale religiaj, kiuj apartenas al la ekleziuloj kaj filozofoj, —ĉar la verda standardo malpermesas al ni fari tion, kio povus ofendi tiun aŭ alian genton aŭ religian grupon; sed ĉio, kio, neniun ofendante, povas krei pacan grupon inter la popoloj, tio ne sole ne devas esti timeme evitata en niaj kongresoj, sed kontraŭe, ĝi devas esti ĝuste la esenco de niaj kongresoj, ĉar ĝi apartenas al la verda standardo.

Multaj personoj aliĝas al la esperantismo pro simpla scivoleco, pro sporto, aŭ eble eĉ pro atendata profito; sed de la momento, kiam ili faras la unuan viziton en Esperantujo, ili malgraŭ sia propra volo ĉiam pli kaj pli entiriĝas kaj submetiĝas al la leĝoj de tiu lando. Iom post iom Esperantujo fariĝos edukejo de la estonta interfratigita homaro, kaj en tio ĉi konsistos la plej gravaj meritoj de niaj kongresoj.

*(Ekstraktoj el la parolado de Zamenhof antaŭ la Tria Universala Kongreso okazinta en Cambridge, en 1907.)*

---

## Ni kondolencas

### JUAN DE OTAOLA FAON

Post longa malsano, la 1-an de novembro forpasis en Bilbao, Sro. Juan de Otaola Faón. Kun profunda bedaŭro ni informas pri la doloriga perdo.

Por lia familio kaj speciale por lia frato, nia kara samideano kaj amiko Sro. Luis de Otaola Faón nian plej sinceran kondolencon.

PACAN RIPOZON AL LI.

### F. R. BANHAM

La multjara redaktoro de "Aŭstralia Esperantisto", Sro. F. R. Banham, subite mortis la 30-an de aŭgusto.

Sro. Banham estis bone konata kiel redaktoro de Esperanto-gazetoj. Li redaktis de 1929 ĝis 1934 la gazeton "La Suda Kruco", kaj li fondis en 1940 la gazeton "La Rondo" nuntempe nomata "Aŭstralia Esperantisto".

Por la Aŭtralia Esperanto-Asocio nian sinceran kondolencon.

PACAN RIPOZON AL LI.

---

Con arreglo al artículo 24 de la vigente Ley de Prensa e Imprenta, ponemos en conocimiento de nuestros Lectores que los señores que constituyen los órganos rectores de la revista, Boletín de la Federación Española de Esperanto, son los siguientes:

*Director: D. Domingo Martínez Benavente*

*Redacción: D.ª Inés Gastón Burillo*

La revista está financiada por la Federación Española de Esperanto, cuyas cuentas fueron presentadas por el Tesorero de la misma, D. Gerardo Flores Martín, y publicadas en el número de la revista correspondiente a los meses de julio-agosto del corriente año.

# XVIª KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Cervera, 7-8 septembro 1974

La XVIª Renkontiĝo de la kataluna samideanaro havis grandan sukceson. En Cervera, grava kaj bela urbo de la Lleida provinco, kunvenis preskaŭ tricent gesamideanoj, el la tuta regiono kaj ankaŭ reprezentantoj de la provincoj Bilbao, Madrid, Valencia kaj Zaragoza.

Sabate, la 7-an vespere, oni inaŭguris Esperanto-ekspozicion ĉe la Biblioteko de la "Caixa de Pensions per a la Vellesa i d'Estalvis", kaj en la sama salono, nia elstara samideano, Patro Manuel Casanoves, C.M.F., prelegis katalune pri la Internacia Lingvo. La multnombra publiko longe aplaŭdis la altnivelan disertadon.

La 8-an, dimanĉe, jam ĉirkaŭ la 9-a matene la Internacia Lingvo sonis tra la Cervera-j stratoj. Oni disdonis la insignojn kaj tuj la oficiala programo komenciĝis. La unua ero estis solena meso en Esperanto, celebrita de Patro Casanoves, kiu predikis en la Internacia Lingvo; la celebrado okazis en la ĉefa preĝejo de la urbo.

En la ĉefa salono de la urbodomo okazis akceptado de la partoprenantoj. Parolis samideanoj Llibert Puig kaj Gabriel Mora kiu deklamis belan poezion dediĉitan al la evento. La urbestro, Sro. Salat tre trafe faris elstaran paroladon dezirante sukceson al nia ideo kaj bonvenigante nin al Cervera.

En tute nova kvartalo, okazis tuj la inaŭguro de nova strato Esperanto. Tute proksime kaj en tiu strato, stariĝos baldaŭ novaj lernejoj de la urbo.

La Arta Festivalo okazis en la honora salono de la loka Universitato. Faris la prezentadon s-no Griñón, kaj s-no Chic prezentis interesajn iluziaĵojn; ambaŭ apartenas al Esperanto-grupoj de Barcelona. La Junulara Esperanto-Sekcio Sabadell havis la plej gravan parton de la spektaklo: belaj teatraĵetoj kiuj bone ĝojigis la publikon. Ni menciu niajn gesamideanojn, F. Soley, Pilar Armengo, M.ª Jesús González, Silvia Martínez, F. Llorens, F. Barata, kiuj bonege aktoris, kaj speciale S-ron Ribes, direktoro de la grupo.



Lia Moŝto la Urbestro de Cervera, S-ro Salat salutas la esperantistojn okaze de la Oficiala Akcepto.

Ankaŭ s-ano Vilella, de Barcelona bonstile deklamis gajajn poeziaĵojn.

La frateca bankedo ankaŭ bone sukcesis, kun preskaŭ 200 partoprenantoj. La etoso estis optimisma kaj ankaŭ la paroladoj kiuj okazis je la fino. Salutis Sro. Lluis M.ª Hernández Izal, ĉef-delegito de UEA en Hispanio; F-ino Inés Gastón, redaktorino de BOLETIN de H.E.F.; Sro. Chaler, nome de la Terrassa Grupo; Sro. Criach, de Calella; samideano de "Lingua Club" de Manresa; F-ino Silvia Martínez, nunjara "Pubilla Esperanto-Sabadell", nome de J.E.S.S.; Sro. Otaola, de Bilbao; Sro. Soler, de Valencia; delegito de Madrida Liceo de Esperanto kaj aliaj. Fermis la paroladojn la urbestro Sro. Salat kiu tre trafe resumis nian renkontiĝon.

S-no Llibert Puig legis ankaŭ kelkajn skribajn aliĝojn al la Renkontiĝo, inter kiuj ni citu: de Prof. Figuerola, Prezidanto de H.E.F.; Dro. Herrero, Honora Prezidanto de nia Federacio: Patro Claramunt, nun loĝanta en Meksikio; Sro. Arbona, de Palma de Mallorca, kaj de Esperanto-Grupo de Manlleu, inter aliaj.

La nunjara Renkontiĝo bone sukcesis, kaj kore ni gratulas kaj dankas al ĉiuj kiuj partoprenis en la organizado, kaj speciale al s-no Josep Serés Ubach.

*R. M.*

38, Fillebrook Road,
London, E.11. 4AT.

28. 8. 74.

Al D-ro Humphrey Tonkin,
Prezidanto de U.E.A.

Kara Prezidanto,

Mi skribas por formale konfirmi mian eksiĝon de la ofico de Honora Prezidanto de U.E.A. kaj por klarigi kial mi ne povas akcepti vian inviton resti en la ofico por helpi al vi "kuntiri la fadenojn".

Mi ne formetas, facilanime, honoron kiu estis donita al mi, unuanime, de miaj kolegoj en la tiama Komitato de U.E.A kaj konfirmita per granda aplaŭdo de la kongresanoj dum la 49a Universala Kongreso de Esperanto en Hago, kaj kiu ebligis al mi plian laboron por Esperanto.

Sed kiam en Hamburgo oni forprenis de mi mian oficon de komitatano "C", oni malpermesis al mi la rajton partopreni en la gvidado de la Asocio.

Tiu lasis al mi nur pasivan rolon kiel Honora Prezidanto, do mi nek havis rajton nek povon interveni en la aferojn de la Asocio, kiel forte asertis D-ro Pool dum mi prezidis la Komitaton de U.E.A. en Portland. Mi devis memorigi al li tiam ke mi estas komitatano.

Tamen eĉ pasiva rolo implicas ke mi konsentas kun la agado kaj metodoj de la Estraro kaj Komitato, kaj akceptas ian moralan respondecon.

Konsiderante la senskrupulajn, kaj foje eĉ krimajn metodojn uzitajn en la kampanjoj kontraŭ U.E.A. kaj ĝia Prezidanto mi ne pretas akcepti ian ajn respondecon pri la estonta agado de U.E.A. kiun gvidas iuj el la partoprenintoj en tiuj kampanjoj.

Mi citu eble la plej mildan ekzemplon. Mi rifuzas preni moralan respondecon por S-ro Woessink, Estrarano respondeca pri Financo, kiu dum la tuta jaro permesis ke oni informu la Prezidanton ke la financa stato de la Asocio estas en ordo kiam fakte akumuliĝis deficito de 60,000 guldenoj. Mi aŭdis, ke, poste, la kliko penis meti la kulpon por la deficito sur la Prezidanton.

Konante la koncernitajn personojn oni ne surpriziĝas pri ilia konduto, sed ke vi donis vian nomon al ili estos unu el la nekompreneblaj bedaŭrindaĵoj en la historio de la movado. Ĉar, sen vi, ili malfacile trovus akceptigeblan kandidaton kiu povus anstataŭi Prof-on Lapenna kiel Prezidanton. La mensa stato al kiu vi kunligis vin estas trafe ilustrita en letero kiun mi ĵus ricevis kiu parolas pri la abdiko de la verda diablo. Tiel iu priskribas homon kiu dediĉis 46 jarojn de sia vivo al Esperanto kaj per sia laboro en UNESKO kaj la gazeto L.M.L.P. kaj C.E.D. levis la oficialan mondan opinion pri Esperanto de hobio por ŝtranguloj al serioza konkuranto por solvi la mondan lingvo-problemon. Ke li ĝuas la fidon de la plejmulto el la movado indikas la fakton ke li gajnis 662, tio estas 83%, el la esprimitaj voĉoj de delegitoj kiel komitatano "B".

Vi scias ke Prof. Lapenna tre alte taksas vin kaj viajn kvalitojn. Persone, mi opinias ke vi havas ĉion necesan por elstare sukcosa prezidanto. Se vi estus konsentinta al lia sugesto, trifoje farita dum la pasinta jaro, ke vi kunlaboru dum mallonga tempo por pli intime konatiĝi kun la diversaj agadoj, la ŝanĝo povus esti farita glate, amike kaj kun la plena apogo de la tuta esperantistaro.

Sed vi elektis la amaran, disigan, kruelan manieron de la kliko.

En tia klimato, laŭdire, vi esprimis vian deziron sekvi la linion de Prof. Lapenna.

Sed ĉu la linion pri la neŭtraleco de U.E.A.? Mi scias ke tio estas via deziro kaj intenco. Sed la reprezentantoj de la popoldemokrataj landoj kaj iliaj simpatiantoj havis, kaj kredeble havos, la plimulton en la komitato. Ŝajne Bulgario ne proponis sin kiel invitinton de la universala kongreso en la vakaj jaroj 1975, 1976 sed por 1977 kiam la novaj elektoj okazos. Jam en Londono, dum la 56a Kongreso oni levis la demandon pri la neŭtraleco de U.E.A. Ŝajnas plejeble ke en 1977 vi estos en la malplimulto.

Ĉu la linion pri UNESKO? Multaj el viaj nunaj kunuloj mokis la kunlaboron kun UNESKO kaj ĉiuokaze, kiuj el ili pretas fari la laboregon kiun tio necesigas?

Ĉu la linion daŭrigi la esploron kaj dokumentadon de C.E.D., kaj ĝian utiligon en mondaj kadroj? Kvankam Prof. Lapenna invitis kelkajn kapablulojn transpreni la kolosan taskon, ili ĉiuj rifuzis. Ĉiuokaze, kelkaj el viaj kunuloj delonge volis haltigi la etan elspezon

Tuj post la 56a kongreso en Londono oni informis min ke Prof. Lapenna ne estos elektita kiel prezidanto venontfojon. Mi esperis ke la malkontentuloj produktos propran programon kiun la movado entuziasme sekvos. Sed ili produktis malican kampanjon kaj, se oni prave raportis, vi nur povis diri ke vi sekvos la linion de la homo kiun ili tiel malhonore forĵetis.

Estas abundo da aliaj faktoroj kiuj decidigis min eksiĝi. Ekzemple, la neelekto kiel komitatanoj "C" de S-ro Gunther Becker S-ino Emilija Lapenna kaj D-ro John Wells, kiu klare montris ke aliaj konsideroj ol la bonfarto de la neŭtrala movado aktivigis la plimulton el la komitatanoj "A" kaj "B".

Mi nur povas esperi ke via teamo egale entuziasme faros konstruan laboron kiel iuj el ili faris detruan laboron.

Sed konstrui estas multe pli malfacile ol detrui.

Via sincere.

Harry Holmes

S-ro Harry Holmes sendis al mi ĉi tiun leteron por informo; pro ĝia granda intereso, volonte mi publikigas ĝin por ke la legantoj de BOLETIN estu kiel eble plej bone informitaj.

*Red.*

# ESENCAJ KAŬZOJ DE MIA EKSIĜO

*La 3-an de oktobro Prof. Dro. Ivo Lapenna sendis al la redakcio de la revuo «Esperanto» tekston «Esencaj kaŭzoj de mia eksiĝo». La 8-an de novembro la redaktoro informis Prof. Lapenna, ke la redakcio decidis, aŭdinte ankaŭ opinioj de aliaj, ne publikigi la menciitan tekston. Ankaŭ la eksiĝa letero de Sro. Harry Holmes, ĝis la eventoj en Hamburgo Honora Prezidanto de UEA, kiel ankaŭ la eksiĝaj leteroj de F-ino M. Vermaas, Sro. Jean Thierry k.a. ĝis nun ne aperis kaj verŝajne neniam aperos.*

*Ni publikigas komplete la tekston kaj konsilas al ĉiuj ricevantoj de tiu ĉi numero de «Boletín» diskonigi ĝin, por ke la vero ne estu sufokita.*

Red.

Kiel jam konate, dum la UK en Hamburgo mi eksiĝis el ĉiuj funkcioj en UEA: komitatano B, fakdelegito pri juro, honorofica direktoro de CED, membro de la redakta komitato de LMLP, k.a. Mi ne nur rifuzis la proponitan honoran prezidantecon, sed sentis min devigita eksiĝi ankaŭ el honora membreco kaj de UEA kaj de TEJO. Dum la adiaŭa parolado de la 31-a de julio mi eksplikis al la kongresanoj la ĉefajn principajn kaj personajn motivojn, kiuj morale-intelekte devigis min al tiu paŝo. Kun la escepto de 2-3 misgvidaj komentoj, pri tio aperis nenio en la oficiala organo de la Asocio.

Se persono, kiu dediĉis 46 jarojn de sia vivo al ĉiutaga laboro por Esperanto kaj 36 jarojn seninterrompe al UEA kiel ĝia estrarano, decidiĝas eksiĝi el ĉiuj funkcioj kaj rezigni pri ĉiuj honorigoj, tiam evidente, malantaŭ la decido troviĝas escepte gravaj kaŭzoj. Mi rigardas kiel mian elementan devon informi pri ili, almenaŭ koncize, la tutan membraron, precipe la ĉefdelegitojn kaj delegitojn, kiuj denove ĵus elektis min komitatano B per grandega plimulto de pli ol 83 % malgraŭ la kontraŭaj nete politikaj instrukcioj de la funkciuloj en 4 orienteŭropaj landaj asocioj, harmoniigitaj kun la kampanjo de iliaj politikaj samopiniantoj en la gvidantaro de TEJO.

La ĉefa *principa kaŭzo* de la eksiĝo estas la kruda malobservo de neŭtraleco kiel, formulita en art. 4 de la Statuto kaj rekonfirmita en art. 13. Siavice, tio estis ligita al aliaj same krudaj malobservoj de la Statuto, ekzemple rilate la demokratecon de elektoj de komitatanoj A, oficdaŭron (kazo de polaj komitatanoj A), kondiĉojn por fariĝi komitatano (komitatano Swistak, nun eĉ estrarano, ne plenumas la kondiĉojn), anstataŭantojn de komitatanoj A (kazo Vitek), regulojn pri elekto de komitatanoj C (preskaŭ ĉiuj), ktp.

La malobservado de neŭtraleco en la postmilita periodo fare de la gvidantoj de la aliĝintaj landaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, Bulgario, Hungario kaj Pollando havas longan historion. Tri aspektoj estas distingindaj: (I) malobservadoj interne de la menciitaj LA, kio estis iel akceptebla pro la politika reĝimo en tiuj landoj, kaj kio ne tuŝis rekte la neŭtralecon de UEA: (II) malobservadoj tra t.n. Mondpaca Esperanto-Movado (MEM), kio estis iel tolerebla, ĉar la antaŭaj estraroj de UEA povis ĉiam pruvi, ke MEM ne estas UEA, kiam ajn MEM per siaj politikaj kunvenoj en la universalaj kongresoj kaj per siaj politikaj rezolucioj kaŭzis al UEA malagrablajn ĝenojn interne de la Asocio kaj gravajn malfacilaĵojn antaŭ la aŭtoritatoj; (III) maloservadoj fare de TEJO, kies maldekstrula estraro de la lastaj jaroj, "elektita" surbaze de absurde blufaj membrociferoj, faris grandan nombron da pure politikaj elpaŝoj, establis intimajn kontaktojn kun ekstreme maldekstraj politikaj organizaĵoj, eĉ subskribis kontrakton pri kunlaboro kun la Monda Federacio de Demokrata Junularo (MFDJ), kiun, pro ĝia subversiva agado, la franca registaro elpelis el Parizo jam antaŭ pluraj jaroj — kaj tio neniel plu estis tolerebla, ĉar ĝi plej serioze kompromitis la neŭtralecon de UEA, al kiu TEJO formale apartenas kiel ĝia junulara sekcio. Kompreneble, tiun tutan kontraŭ neŭtralecan agadon mi firme kontraŭstaris ne nur per paciencaj klarigoj, konsiloj kaj

admonoj, sed ankaŭ, en ekstremaj kazoj, per la utiligo de la eksplicitaj laŭstatutaj rajtoj de la prezidanto. Tial mi fariĝis la faligenda "bastiono de neŭtraleco" por uzi ilian propran esprimon.

En decembro 1973 kaj komence de 1974 mi eksciis el pluraj fidindaj fontoj, ke la gvidantoj de la menciitaj 4 landaj asocioj, helpataj de pluraj estraranoj kaj estintaj membroj de TEJO, sekrete planas novan atencon kontraŭ la neŭtralecon, ĉi-foje rekte kontraŭ la neŭtraleco de UEA mem. Abunda alarma materialo pruvis tion. En tiaj kondiĉoj mi opiniis kiel mian devon informi la membraron pri la afero, kaj mi faris tion en la aprila ĉefartikolo. Ĉio antaŭvidita en la artikolo plene realiĝis konforme al interkonsentita taktiko, jam bone elprovita en difinita tipo de politikaj sistemoj: por detrui ian "danĝeran" idearon — en la kazo de UEA la idearon ligitan al principoj de neŭtraleco, universaleco kaj demokrateco — ne sufiĉas nur rekte, sisteme atakadi la idearon mem ("mucida neŭtraleco", "kadavro", ktp.) kaj samtempe praktikadi ĝian malon, sed necesas ankaŭ senskrupule kaj maksimume nigrigadi ĝiajn ĉefajn protagonistojn, en nia kazo unuavice min mem. Tial la kampanjo kontraŭ la neŭtralecon estis kaj verŝajne plu estos nedisigeble ligita al hontindaj atakoj, inkluzive sendadon de krimaj anonimaj telegramoj, kontraŭ min persone. Aldone, la taktiko postulas misuzon de ĉiuj homaj malfortoj (ekzemple tro blovitaj ambicioj, envioj kaj ĵaluzoj), de personaj amikecoj aŭ eĉ de familiaj ligoj en medioj gajnotaj por atingi la celon. Ĉio-ĉi okazis precize kiel antaŭvidite en la aprila artikolo. La du ĉefaj centroj de la komploto — tiu de la 4 orienteŭropaj landaj asocioj, gvidata de komitatano N. Aleksiev, kaj tiu de la sekreta kunveno en Kassel (interalie U. J. Moritz, d-ino F. Szabó-Felsö, T. Jansson, Ulla kaj F. Luin) — apogitaj de la aliancanoj en kelkaj aliaj landaj asocioj, intensigis sian kampanjon de intrigoj, kalumnioj kaj misprezentoj per pliaj artikoloj en *Heroldo* (tuta paĝo en la numero de la 1-a de julio), *La Brita Esperantisto* (groteskaj atakoj, inkluzive la plej groteska komparo de mi kun De Beaufront; en la maja-junia kaj julia-aŭgusta numeroj) kaj 1-2 malpli gravaj periodaĵoj; per pliaj amasaj cirkuleroj de U. J. Moritz, E. J. Woessink, T. Boersma, k.a.; per pliaj konfidencaj kunvenoj, el kiuj la lasta okazis en Orienta Berlino senpere antaŭ la hamburga kongreso. Ampleksa dokumentaro kun multaj detaloj pri tiu senprecedenca komploto, inkluzive pliajn aŭtentikajn informojn ricevitajn el Orienta Eŭropo post la kongreso, baldaŭ aperos kaj estos sendita al ĉiuj neŭtralaj Esperanto-periodaĵoj. Ĉi tie sufiĉas nur mencii, ke la nova, tute politika, 40-paĝa Programo de Bulgara Esperantista Asocio aperte forĵetis la principon de neŭtraleco kaj anstataŭe postulas la aplikon de t.n. "proleta internaciismo".

Tiun tutan intelektan-moralan marĉon mi milde nomis "abscesoj sur la organismo de UEA" kaj senkompromise deklaris, ke mi foriros de ĉio, se la abscesoj ne estos sanigitaj. En Hamburgo tio ne okazis, kvankam ĝis la lasta momento mi flegis espereton, ke eble — sub la premo de la plebiscita aprobo de la ĝishamburga linio, pli ol klare esprimita en la elekto de komitatanoj B — ordinaraj saĝo kaj prudento tamen venkos. Tial malfermante la kunsidojn de la Komitato en la salono Hodler mi diris, ke espereble la spirito de la fondinto de UEA animos la kunsidojn. Vane. Ĝi forestis.

En tiaj kondiĉoj okazis la elektoj de komitatanoj C fare de la 49 ĉeestintaj komitatanoj A kaj B. La bloko de komitatanoj el la 4 orienteŭropaj landoj (18) kaj de aliaj samopiniantoj el aliaj landoj (minimume 4) plus kelkaj, kiuj aliĝis al la bloko ne pro politikaj, sed pro aliaj motivoj, menciitaj supre, havis absolutan plimulton. Komplete malatentante la principon de art. 25/c de la Statuto kaj la regulojn de art. 29 de la Ĝenerala Regularo, la bloko voĉdonis laŭ antaŭe faritaj interkonsentoj, kaj laŭplaĉe elektis "siajn homojn", el kiuj 3 (U. Moritz, F. Luin kaj R. Triolle) estis klare forĵetitaj en la elektoj de komitatanoj B, almenaŭ 3 pliaj devus esti eksigitaj el kiu ajn kultura organizaĵo, dum la aliaj, kun 2-3 esceptoj, apenaŭ havas ian ajn meriton por la Asocio. Aliflanke ne estis elektitaj valoregaj kandidatoj, inter kiuj H. Holmes (Honora Prezidanto), Dro. P. Neergaard (mondfama sciencisto), Prof. Fuĵio Egami (aliaj mondfama sciencisto), G. Becker (ĝis tiam ĝenerala sekretario de UEA), Dro. M. Dazzini (ĝenerala sekretario de ILEI), H. Behrmann (la aŭtoro de Esperanto Programita), Dro. J. Wells (jam mondfama fonetikisto), U. Lins (nia plej bona juna historiisto), B. Maertens (spe-

cialisto pri financoj), E. Lapenna (multjara ĉefdelegito, komitatano kaj sekretariino de la Belartaj Konkursoj), k.a., kies "spertoj, scioj kaj laboro" (art. 29 de la Ĝenerala Regularo) ja estus ne nur utilaj, sed vere necesegaj al UEA por decide progresigi la lingvon en la nunaj, escepte favoraj eksteraj kondiĉoj. Siavice, tuta aro da elstare valoraj funkciuloj, inter kiuj Prof. G. Waringhien, eksiĝis el siaj funkcioj en UEA.

Okazis, do, ke landaj asocioj kaj unuopuloj, kiuj fakte devus esti eksigitaj el UEA pro la konsciaj malobservoj de la principo de neŭtraleco kaj pro aliaj kontraŭstatutaj agoj, efektive ekregis la Komitaton kaj la Asocion. En la Komitato kreiĝis artefarita plimulto, kiu ne nur ne spegulas, sed rekte kontraŭas la starpunkton de la grandega plimulto de la membraro, kiel tion evidenta montras la rezultoj de la elektoj de komitatanoj B, la kortuŝaj manifestacioj okaze de la adiaŭa parolado kaj multnombraj aliaj signoj de apogo. La fakto, ke la supera organo de UEA ne kondamnis, — kaj kun tia plimulto evidente ne povis kondamni sen kondamni sin mem — la naŭzajn nigrigojn de mia nomo, estas *la persona kaŭzo* de la eksiĝo. La postaj laŭdoj, la formalaj promesoj pri daŭrigo de mia linio, jam dementitaj per la unuaj decidoj de la nova Estraro, kaj rezolucioj pri neŭtraleco fare de tiuj, kiuj krude malobservis ĝin, povas, eble, plu blindigadi naivulojn, sed ne povas ŝanĝi la bedaŭrindan realaĵon.

Mi tutkore dankas al ĉiuj geamikoj, al centoj da kunlaborantoj kaj al miloj da apogantoj, kiuj ebligis, ke per komunaj fortostreĉoj ni konstruu la modernan, prestiĝan kaj fortan ĝishamburgan UEA. Kompreneble, laŭ miaj eblecoj mi plu laboros por la Internacia Lingvo, ĉar, malgraŭ ĉio, mi neniel perdis la konvinkon pri la valoro de Esperanto, nek la fidon je tiu ideario de humanisma internaciismo, kiu estas nedisigeble ligita al ĝi. Sed mi povas kunlabori nur kun tiuj Esperanto-organizaĵoj kaj plu flegi amikajn rilatojn nur kun tiuj unuopuloj, kiuj senkompromise kondamnos tiun tutan komploton, laŭte aŭdigos sian voĉon kaj agos konforme ĉu en la kadro de UEA ĉu ekster ĝi.

*Prof. D-ro Ivo Lapenna*

---

POST LA XXXIV[a] HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN VALLADOLID

## VIZITO AL "CORAL VALLISOLETANA"

La vendredon, 11-an de Oktobro, kvar esperantistaj delegitoj, nome Sro. Angel Díez, Vicprezidanto de L.K.K.; Sro. Luis Hernández, Sekretario de L.K.K.; Sro. Antonio Gamboa kaj S-ino M.[a] Rafaela Urueña, Vicprezidanto kaj Sekretariino de "Fido kaj Espero" vizitis en la sidejo de "Coral Vallisoletana" ĝian Direktoron, por donaci al li memorigan platon kiel dankesprimon al tiu ĉi fama ĥoro pro ĝia partopreno en la 34[a] Hispana Kongreso de Esperanto.

En tre amikeca etoso Sro. Díez diris trafajn vortojn por danki al "Coral Vallisoletana" ĝian mirindan kaj neforgeseblan koncerton kaj donis al Sro. Barrasa, Direktoro de la Ĥoro, la platon kiu restos kiel atestilon de la dankemo de la esperantistaro.

*L. Hernández*

---

## KLARIGO

Sur paĝo 7 de BOLETIN julio-aŭgusto, aperas fotokopio de letero kies subskribo —kiun ni ne aperigis en la traduko— ne estas klare legebla. Volonte mi nun klarigas ke la letero estas subskribita de la Ĉefo de la Registaro de Aŭstrujo, Federacia Kanceliero S-ro Bruno Kreisky.

*Red.*

## ANTAŬ LA XXXVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

# LA PIRENEOJ





En la valo de Arán, la vilaĝo Salardú invitas al ripozo.

Kiel geografia ento, la Pireneoj estas multe pli ol natura landlimo, kvankam ili apartigas la Iberian Duoninsulon de la ceteraj Eŭropaj landoj. La plej granda parto de ĉi tiu montara ĉeno apartenas al Hispanujo kaj en ĝi troviĝas la plej altaj montoj, kiel la "Montes malditos" (3.404 m.), "Tres Sorores" (3.355 m.) kaj "Posets" (3.375 m.).

De sia komenciĝo en Guipúzcoa ĝi etendiĝas tra Navarra, Huesca kaj Lérida, kaj finiĝas en Gerona apud la Mediteranea marbordo de Port Bou.

La Pireneoj estas absoluta regno de la Naturo, de la akvo kaj de la roko, de la arbaro, la montaro kaj la valo. Ĝi estas 450 Kmojn. longa kaj ĝia larĝeco varias de 50 ĝis 150 Kmoj.

Grandegaj krutaĵoj frekventataj de ĉamoj, imponaj montegoj el granito, fendoj, krutaj muregoj, nudaj rokoj kaj vegetala vivo. Lagaj zonoj alternas kun valoj kaj montoj formante ian sovaĝejon kie la vegetaĵoj estas tre diversaj kaj abundaj, kio konsistigas eksterordinare varian pejzaĝon. En la malaltaj partoj aperas kultivoj kaj herbejoj kun arboj en la riverbordoj. Grandegaj arbaroj —fagoj, abioj, pinoj, ktp.— kaj vastegaj paŝtejoj. En la altaj zonoj pli ol 2.000 m. aperas rokaroj kun lagaj cirkoj kaj de la pintoj multnombraj vojetoj kaj intermontoj kondukas al la valoj.

La Pirinea pejzaĝo estas tiel grandioza ke ĝia beleco estas ja impresa. La pirenea regiono konsistas el tri grandaj zonoj kun propraj trajtoj. Ili estas la nomataj Pireneo navara, aragona kaj kataluna; pri tiu lasta kaj pli konkrete pri la parto apartenanta al la provinco Lérida ni parolos ĉar, Lérida, ĉefurbo de samnoma provinco gastigos en jaro 1975ª la XXXV-an Hispanan Kongreson de Esperanto.

Ĉe la fino de la aragona regiono, la Pireneo eniras en la fruktodonan teritorion de la valo de Arán, trafluatan de la rivero Garona, naskiĝanta en His-

# KARL BARTEL

Kun profunda malĝojo mi legis la informon.

En Graz (Aŭstrujo), nia kara amiko Karl Bartel mortis. Kun li malaperas elstara pioniro de nia movado, sed super ĉio bonkora homo, kiu jam en sia junaĝo metis je la servo de siaj proksimuloj, sian eksterordinaran organizan kapablon, kaj kies nomo baldaŭ iĝos nur bedaŭrata rememoro en la koro de la vivantoj.

Kiam en 1970, okaze de la 50-a datreveno de internacia bonfara agado pere de Esperanto, —helpo al aŭstraj infanoj—, BOLETIN raportis pri ĝi, S-ro Karl Bartel iniciatinto kaj organizinto de la agado en Aŭstrujo, sendis por nia revuo sian kontribuaĵon kiel omaĝon al hispanaj esperantistoj kaj kunagantoj.

S-ro Karl Bartel lernis Esperanton en la jaro 1906-a, li estis kunfondinto, kaj estrarano en 1908 de la tiama Esperanto-Societo ĉe la Universitato de Graz, kaj estis konstanta kunlaboranto de Internacia Scienca Gazeto, de La Marto k.a.

Post la unua mondmilito, dum kiu li estis grave vundita en 1915, li restis kiel rezervoficiro de la aŭstra-hungara armeo, kaj en 1919 li komencis, energie, reorganizi la Esperanto-movadon en Graz. Specialisto en organizado de ĉiaj aferoj propagandaj, li fariĝis la decida sekretario de Esperanto-Societo por Stirio kaj redaktoro de ĝia bulteno.

Nun, mia penso iras en la epokon kiam ni ekkonis lin antaŭ pli ol kvindek jaroj, kiam li venis al Zaragoza kiel akompananto de karavano de aŭstraj infanoj gastigotaj en nia regiono. Tiam, por ni geknaboj, Karl Bartel, personigo de simpatio kaj afableco, estis kvazaŭ simbolo de sindonemo kaj homaramo.

Li apartenis al tiuj frutempaj esperantistoj, kiuj bone konantaj la internacian lingvon ankaŭ sentis la esperantismon kiu donis al ĝi animon kiel vivanta lingvo, kaj sciis elmontri ĝian praktikan flankon pere de bonaj agoj.

Li pasis tra la vivo bonfarante kaj nun li prenis la vojon al la eterna ripozo.

Pacon al li!

Por lia familio, speciale por lia vidvino kaj por la esperantistoj de Graz, nian plej sinceran kondolencon.

*I. Gastón*

---

panujo, sed fluanta en Francujon. La pejzaĝo de tiu valo estas ege bela, vastaj lagaj zonoj, multnombraj akvofluoj, kaj serio da montaraj ĉenoj kun pli ol cento da pintoj donas al la tuto kuriozan aspekton, kies nura natura pasejo al Hispanujo estas la intermontoj de la Bonaigua. Multaj kaŭzoj donas al la valo de Arán tradician karakteron. En la valo situas tre moderna Turista Gastejo kaj en la proksimeco troviĝas la konata vintra restadejo de la Baqueira.

Interne de la provinco de Lérida, la riveroj Noguera Ribagorzana, Noguera Pallaresa, Alto Segre kaj Valira konsistigas serion da distriktoj de granda diverseco same geografia kiel homa en la pirenea regiono. La Ribagorza estas bela kaj vasta distrikto ĉirkaŭata de montoj kaj situanta en la valo de la rivero Noguera Ribagorzana; en ĝi troviĝas inter aliaj la valoj Barruera, Bohí kaj Bellera. La distrikto de l' Pallars Sobirá ampleksas la altan valon de la riveroj Noguera Pallaresa, Elamisel kaj Vallfarrera; en ĝi situas pluraj valoj de nekomuna natura beleco speciale la valo de Espot, regiono de akvo, de lagoj kaj riveretoj, kie elstaras la monto Els Encantats (2.982 m.) kies ĉiamaj neĝoj rebrilas en la mirinda lago San Mauricio. Fine, la valoj Cabó, Castellbó, San Juan Fumat, Tost, La Vanca, El Urgellet kaj El Baridá konsistigas la distrikton de la Alto Segre kaj Valira.

*Inés Gastón*

## HISPANA LIRIKO

*Jorge Manrique (1440?-1478) elstaras, ne nur en la hispana, sed en la universala literaturo pro sia nekomparebla* Elegio je la morto de lia patro, *kies Esperanta versio aperis unue en n.º 2, 1972, de* Norda Prismo. *Ĉar en ĝian presitan formon enŝoviĝis pluraj eraroj, ni denove publikigas ĝin ĉi tie, senerarigita kaj ankaŭ kun kelkaj plibonigaj modifoj.*

### ELEGIO DE JORGE MANRIQUE JE LA MORTO DE LIA PATRO

*Viglu, koro letargia,*
*kaj meditu pri la sorto,*
*atentante,*
*kiel pasas vivo nia,*
*kiel ŝtele venas morto*
*silentante;*
*kiel ĝojo forrapidas,*
*kiel oni ĝin memoras*
*kun kor-veo;*
*kiel la imago vidas,*
*ke, ol nuno, pli valoras*
*la paseo.*

*Vidu kiel, en momento,*
*nuno pasas tuj perea*
*en mort-ondon;*
*do, juĝante kun prudento*
*ni rigardu jam pasea*
*la estonton.*
*Kiu pensas, ke, future,*
*lantos pli la vivo lia,*
*tro esperas,*
*ĉar ekzisto laŭnature*
*ĉie kaj en tempo ĉia*
*efemeras.*

*Niaj vivoj estas fluoj*
*finiĝantaj en la maro*
*morto-svene;*
*tien rekte kaj sen bruoj*
*malaperas nobelaro*
*senrevene.*
*Tien iras fluoj famaj*
*kun humilaj kaj kun mezaj*
*al la feĉo;*
*tie ĉiuj estas samaj:*
*la subul' kun taskoj pezaj*
*kaj la reĝo.*

*Alvoko*

*La alvokoj de poetoj*
*kaj de oratoroj vanaj*
*ne tre ĝustas,*
*ĉar, el ties vorto-retoj*
*diroj fremdaj kaj paganaj*
*strange gustas.*
*Mi alvokas kun espero*
*nur al tiu, kiu bonis*
*super ĉio,*
*kaj vivadis sur la tero,*
*kaj la homoj ne rekonis*
*Lin, la Dio.*

*Tra ĉi vivo ni alvenas*
*la alian mondon transan,*
*sendoloran,*
*nur kondiĉe ke ni prenas*
*vojon virtan, do bonŝancan*
*kaj valoran.*
*La naskiĝo nin delasas;*
*poste ĝis la vivo-fino*
*ni plu krozas;*
*alvenante ni forpasas,*
*kaj nur en la morto-sino*
*ni ripozas.*

*Vivas ni la vivon bone,*
*se al Dio ni konfidas*
*sen zigzagoj.*
*Fido diras nin admone,*
*ke al transa mondo gvidas*
*rektaj agoj.*
*Eĉ la sankta Filo Dia*
*malsupriris el ĉielo*
*por nin havi,*
*kaj al nasko, morto sia*
*li submetis sin sur tero*
*por nin savi.*

*Kiel funde falsaj estas*
*celoj, kiujn ni postiras*
*persekute!*
*Eĉ dum ni en vivo nestas,*
*ili sin en perdon tiras*
*absolute.*
*Tempo ilin disfrakasas,*
*puŝas al veinda stato*
*kaj detruas.*
*La fatalo ilin ĉasas,*
*eĉ solidon de magnato*
*rompe skuas.*

*Kio iĝas bel' junula*
*kaj la ĉarmo kaj la blanko*
*de vizaĝo?*
*Kio iĝas bril' okula*
*kaj la ruĝo de la vango*
*dum oldaĝo?*
*La lerteco kaj rapido*
*kaj la forto, kiujn havas*
*la fru-jaraj,*
*turnas sin je la rigido*
*kaj la pezo, kiujn trafas*
*la griz-haraj.*

*Nu, la alta grand-sinjoro*
*kaj la kasto kaj la sango*
    *de nobelo*
*pro ŝanĝiĝoj de la horo*
*povas vidi sin sen rango*
    *sur ĉi tero.*
*Kelkaj pro kuraĝo-manko*
*la moŝtecon fali lasas*
    *ĝisprofunde;*
*kelkaj kun malplena ŝranko*
*nekonvenajn taskojn ĉasas*
    *rangovunde.*

*Eĉ bonhavo la plej granda*
*dissolviĝas plej surprize,*
    *ĉu ne vere?*
*Riĉo estas ne konstanta,*
*damo movas ĝin malice*
    *kaj mistere.*
*Ŝi, Fortuno, kun kruelo*
*riĉon rulas per la rado*
    *arbitr-ame.*
*Ŝi ne scias pri fidelo,*
*sin dediĉas al rulado*
    *frivol-mane.*

*Eĉ se iam la prospero*
*sian mastron akompanas*
    *ĝis la tombo,*
*pensu ankaŭ pri cetero:*
*nia kurta vivo vanas,*
    *estas trompo.*
*Sur ĉi tero la plezuro,*
*kiun tento al ni sendas.*
    *sin ekstermas,*
*sed transmonde la torturo*
*punodone nin atendas*
    *kaj eternas.*

*La allogo kaj la ĝojo*
*de ĉi trompa viv-azilo*
    *baldaŭ pasas,*
*kuras sur mallonga vojo,*
*ĉar tuj Morto —la kaptilo—*
    *nin frakasas.*
*Ve al ni! Ni ekrapidas*
*kaj senhalte iras, iras*
    *kaj nin movas.*
*Kiam nin la ret' insidas,*
*kaj eskapi ni deziras,*
    *ni ne povas.*

*Se ni havus la probablon*
*turni la vizaĝon nian*
    *en plej belan,*
*kiel havas ni kapablon*
*al ni fari koron pian*
    *kaj anĝelan,*
*kia granda diligento*
*por mienon nian flegi*
    *malaŭstere!*
*Dume mankus eĉ momento*
*por animon nian regi*
    *virtocele.*

*Al iamaj reĝoj gloraj*
*—nin informas la kroniko*
    *kaj analo—*
*venis batoj tre rigoraj:*
*ilin trafis la tragiko*
    *de Fatalo.*
*Ĉion Morto fine rastas;*
*eĉ la reĝon, eĉ la papon*
    *tiar-portan*
*Morto tiel same mastras*
*kiel kompatindan knabon*
    *greg-eskortan.*

*Ni ne zorgu pri Trojanoj,*
*kies glorojn kaj afliktojn*
    *ni ne spektis;*
*ni ne zorgu pri Romanoj,*
*kvankam ties manuskriptojn*
    *ni kolektis.*
*Krome, kial ni scivolu,*
*pri epoko parte mita,*
    *tre antikva?*
*Hieraŭo, ni memoru,*
*iĝis same forgesita*
    *kaj relikva.*

*Kie reĝo Don Johano?*
*Kio iĝis la infantoj*
    *aragonaj?*
*Kie ties akompano*
*kaj la multaj junaj dandoj*
    *bril-imponaj?*
*Ĉu ne estas nura ombro,*
    *la festenoj,*
*la turniroj kaj la pompo,*
*kaj la helmoj kaj ĉevaloj*
    *sur arenoj?*

*Kio iĝis do la damoj*
*kaj la punto kaj veluro*
    *kaj rubandoj?*
*Kio iĝis pasi-flamoj,*
*kiuj ardis sen mezuro*
    *en amantoj?*
*Kio iĝis mandolinoj*
*kaj muzikoj trobadoraj,*
    *melodiaj?*
*Kio iĝis danculinoj*
*kaj la roboj silkaj, oraj,*
    *fantaziaj?*

*Post li sekvis Don Enrique.*
*Kian forton li konkeris*
    *per la sceptro!*
*Kiel mole kaj amike*
*la plezurojn lin preferis*
    *sen escepto!*
*Sed lin poste mondo traktis*
*krude, kaj al li oponis*
    *ĝisekstreme,*
*kaj tre baldaŭ de li kaptis*
*kion ĝi antaŭe donis*
    *bonvoleme.*

*La donacoj superlimaj,*
*la palacoj, la brokatoj*
*kaj la oro;*
*la servicoj tiel glimaj,*
*la "henrikoj" kaj dukatoj*
*de l' trezoro,*
*la ĉevaloj, kiuj paŝis*
*en drapiroj, la minstreloj,*
*la fasono,*
*kie tio ĉi sin kaŝis?*
*Ĉu ne temis pri roseroj*
*sur gazono?*

*Lian fraton sincer-koran*
*oni nomis heredanto*
*de la krono;*
*nobelaron tre valoran*
*li alvokis tra la lando*
*al la trono;*
*sed, ĉar li estis mortema,*
*Morto falĉis lin kaj prenis*
*kaj ensakis.*
*Ho la Volo fatal-sema!*
*Kiam li de suko plenis,*
*Ĝi lin hakis.*

*Pri la Konestablo fama,*
*kiu super ni prezidis*
*povosida,*
*ni ne estu jam proklama;*
*pensu nur, ke ni lin vidis*
*kol-hakita.*
*Liaj povoj kaj trezoroj*
*kaj vilaĝoj kaj palacoj*
*en kombino,*
*kio estis, se ne ploroj*
*kaj afliktoj kaj agacoj*
*ĉe la fino?*

*Kaj la du aliaj fratoj*
*iĝis preskaŭ tiel riĉaj*
*kiel reĝoj*
*aplikante al regatoj,*
*kaj humilaj kaj prestiĝaj*
*siajn leĝojn.*
*Tia vivo de prospero*
*alta, riĉa kaj prodiga*
*kaj laŭdata,*
*ĉu ne estis kiel helo,*
*kiun kovras obskuriga*
*nigro fata?*

*Tiom da nobeloj bravaj,*
*kiuj dukis kaj baronis*
*kaj markizis*
*kaj paradis potenc-havaj,*
*ĉu ne ilin Morto spronis*
*kaj surprizis?*
*Sur iliaj gloraj faroj*
*en milito kaj en paco*
*Morto tretis.*
*Kun la krudo de barbaroj,*
*en forgeson Ĝi, sen laco,*
*ilin ĵetis.*

*Batalantoj en amasoj*
*vanas, ankaŭ la kasteloj*
*kun la turoj,*
*oriflamoj kaj kirasoj,*
*kaj remparoj kaj kreneloj*
*kaj la muroj.*
*Eĉ se larĝa foso kuŝas,*
*eĉ se ŝirmoj tre fortikas,*
*estas vane.*
*Kiam vi, ho Morto, puŝas,*
*via sago ĉion pikas*
*tute same.*

*Don Rodrigo de Manrique,*
*jen nobelo bravo-plena,*
*virto-ama.*
*La bonulojn li efike,*
*kore helpis, sindonema*
*kaj humana.*
*Liaj faroj grandaj, klaraj,*
*ĉar viditaj, ne bezonas*
*laŭdon homan.*
*Ni pri ili estos ŝparaj,*
*ĉar la tuta mondo konas*
*lin renoman.*

*Kiel frata al amiko!*
*Kiel nobla al parenco*
*kaj subulo!*
*Kiel dura malamiko!*
*Kia majstro de potenco*
*kaj bravuro!*
*Kia saĝo ĉe ĝentilaj!*
*Kia sprito ĉe ŝercantoj!*
*Kia kono!*
*Kia molo ĉe humilaj!*
*Kontraŭ fiaj arogantoj,*
*kia leono!*

*En bonŝanc' Oktaviano,*
*kaj Cezaro en batalo*
*kaj honoro.*
*En virtemo Afrikano,*
*Hanibalo en lojalo*
*kaj laboro.*
*Bona ja kiel Trajano.*
*Tito en la regalemo*
*grand-anima.*
*En la fort' Aŭreliano.*
*Marko Tuljo en sinteno*
*ver-esprima.*

*Anton-Pi' en pardonsento.*
*Mark-Aureljo en ekstero*
*trajt-serena.*
*Adrian' en elokvento.*
*Teodozjo en tolero*
*komprenema.*
*Aleksandro en rigoro*
*kaj en disciplin-severo*
*de luktanto.*
*Konstantino en fervoro*
*kaj Kamil' en sinofero*
*por la lando.*

*Sed en sia vivo-daŭro*
*grandan riĉon li ne tenis,*
*nek trezoron.*
*Tamen venkis al la maŭro,*
*kaj kastelojn, lokojn prenis*
*kaj la gloron.*
*Kaŭze de la batalado*
*multaj maŭroj kaj ĉevaloj*
*falis morte,*
*sed li gajnis sur ĉi pado*
*same rentojn kaj vasalojn*
*brakoforte.*

*Alitempe, pli antaŭe,*
*por al la honor' fideli*
*sen simuloj,*
*li mizeris, sed baldaŭe*
*lin subtenis fratoj de li*
*kaj subuloj.*
*Post ol glore kaj kuraĝe*
*li militis en konkero*
*energia*
*li traktatis avantaĝe*
*aldonante pli da tero*
*al la sia.*

*Al la faroj historiaj,*
*kiujn li junaĝe kronis*
*per kuraĝo,*
*nov-impete jam aliajn*
*kromajn venkojn li aldonis*
*en oldaĝo.*
*Pro la fama aŭreolo,*
*la oldeco, la virtemo*
*kaj la gravo*
*lin distingis la titolo:*
*kavaliro de Ordeno*
*de la Glavo.*

*La kasteloj liaj nunaj*
*iam estis en posedo*
*de tiranoj;*
*per sieĝoj oportunaj*
*ĉiun fleksis al submeto*
*liaj manoj.*
*En agado perbatala*
*luktis li por reĝo nia*
*kaj tre lertis.*
*Ja la reĝo portugala*
*kaj la bando kastilia*
*tion spertis.*

*Post ol li la vivon vetis*
*tiel ofte por la bono*
*suverena,*
*post ol riske li sin metis*
*en la servon de la krono*
*rajto-tena,*
*post luktado trakampanja,*
*kiun li multfoje kapis*
*kontraŭ hordon,*
*li troviĝis en Ocaña,*
*kiam Morto voke frapis*
*lian pordon.*

*Kaj ĝi diris: «Grand-sinjoro,*
*lasu jam ĉi mondon vanan,*
*estas ende;*
*via forta, ŝtala koro*
*montru sian bravon faman*
*ĉi-momente.*
*Ĉar al sano kaj al vivo*
*vi defiis pro la gloro*
*nekonstanta,*
*virte nun kaj kun edifo*
*staru antaŭ la hororo*
*vin vokanta.»*

*«Ne rigardu kun teruro*
*la batalon tiel draman,*
*kiu ekas.*
*Vi pluvivos en figuro*
*de la famo... Ĝin, aklaman,*
*vi jam regas.*
*Eĉ se tia viv' honora*
*estas ankaŭ nek ĉiama*
*nek laŭvera,*
*tamen estas pli valora*
*ol l' alia, la profana*
*kaj surtera.»*

*«La ekzisto neperea*
*ne sin donas al la grego*
*sen aŭstero,*
*nek al homo mond-obea,*
*kiun tiras ĉia peko*
*al infero.*
*Sed la religiaj vtroj*
*gajnas ĝin per multaj ploroj*
*kaj bedaŭroj,*
*kaj la famaj kavaliroj*
*per suferoj kaj laboroj*
*kontraŭ maŭroj.»*

*«Kaj ĉar vi, alta nobelo,*
*verŝis sangon de berbero*
*kaj pagano,*
*vin atendas la ĉielo,*
*kiun gajnis vi sur tero*
*per la mano.*
*Kaj en tiu ĉi konfido*
*jam ekiru kun konvinko*
*tre preciza,*
*ke vin portos via fido*
*al la tria vivo-ringo:*
*paradiza.»*

## *Preĝo de Don Rodrigo al la Morto*

*«Ĉi ekzisto de mizero*
*tiom nun indiferentas,*
*estas tia,*
*ke mi diras kun sincero:*
*mia volo ja konsentas*
*kun la dia,*
*kaj pri l' fino ne angoras.*
*Pura-kora kaj senvorta*
*mi ne plendas,*
*ĉar se viro vivi volas,*
*kiam Di' lin volas morta,*
*li ekscentras.»*

*«Kiu, pro malbono nia,*
*ŝanĝis sin je vir' servuta*
*kaj sub nomo;*
*kiu, kun esenco dia,*
*ligis sin al tio bruta,*
*al la homo;*
*kiu al la turmentado*
*sin submetis dolor-ŝvite*
*en persono,*
*benu min, nur pro kompato*
*ĉar mi vivis senmerite,*
*per pardono.»*

*Fino*

*Kaj tiele, en trankvilo,*
*en perfekta mens-normalo*
*ĝis la fino,*
*kun ĉirkaŭe ĉiu filo*
*ĉiu frato kaj vasalo*
*kaj l' edzino,*
*li de l' korpo sin deprenis*
*kaj, jam en la mond' alia,*
*Dion gloras.*
*Kvankam Morto lin fortrenis,*
*ĉe ni la memoro lia*
*nin konsolas.*

Traduko: *Fernando de Diego*

## BIBLIOTECA-ARCHIVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

De nuevo vuelvo a manifestar mi agradecimiento a quienes respondiendo a mi llamamiento en BOLETIN de mayo-junio, han enviado ejemplares de nuestra revista correspondientes a los números que faltaban para poder ser encuadernada la colección completa.

Esta vez la amable donante ha sido D.ª Amalia Núñez Dubús quien ha enviado el número 15, correspondiente a 1950, único que ya faltaba en la colección.

De nuevo a todos: Muchas gracias.

*Inés Gastón*

## FUNDACION ESPERANTO

Dos nuevos donativos hay que sumar a los ya recibidos para la Fundación, estos son los siguientes: D. Manuel Ibáñez, de Zaragoza, 500 pesetas; D. Julián Morales, de Bilbao, 300 pesetas. Total recibido en 1974: 18.890 pesetas.

## XXXVª I. K. U. E. - KONGRESO

La XXXVª IKUE-Kongreso disvolviĝos en la kadro de la Sankta Jubilea Jaro en Romo de la 11ª ĝis la 16ª de aŭgusto 1975.

Programo kaj ĉiuj detaloj sekvos baldaŭ.

Pro la antaŭvidebla granda amaso da pilgrimontoj aliĝu senprokraste!

*La Organiza Komitato*

## 60.ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Frederiksberg (Kopenhago) Danlando de la 26ª de julio ĝis la 2ª de aŭgusto 1975

Informoj riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam — 3002 Nederlando.

## VIIª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Organizita de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio, la VIIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazos en Huesca (Hispanujo) en la monato majo 1975.

Pri la dato, programo kaj kondiĉoj ni informos en venonta numero de BOLETIN.

## ESPERANTO-EKSPOZICIO EN LAS PALMAS DE GRAN CANARIA



Nia aktiva samideano, S-ro Antonio Sarmiento, de Las Palmas de Gran Canaria prezentis Esperanto-Ekspozicion en la Lernejo La Salle-Antúnez de tiu bela urbo.

La inaŭguro okazis post taŭga informado pri Esperanto pere de la tri regionaj ĵurnaloj. En la ekspozicio, bele organizita, oni prezentis tre interesan materialon, kiu elmontris la valoron de la Internacia Lingvo.

La ekspozicio vekis la atenton de la multnombra publiko, kiu ĝin vizitis. Krom la ĵurnaloj, la Radio kaj Televido informis pri ĝi kaj sekve de tiu informado, kurso de Esperanto komenciĝis. Ĝin gvidas nia samideano S-ro Sarmiento.

### *PREMIA DE MAR*

#### KURSO 1974 - 1975

Sub la protektado de la Magistrato de Premiá de Mar (Barcelona), la esperantistoj de tiu urbo organizis kurson de Esperanto.

La kurso, kiun gvidas S-ro Vidal Margalef komenciĝis la 26-an de oktobro; ĝi okazas merkrede kaj sabate kaj ĝin partoprenas 30 lernantoj.

### *TARRASA*

#### KURSO 1974-1975

Post taŭga informado pere de belaj afiŝoj, en la sidejo de la Sekcio Esperanto de "Sociedad Coral, Juventud Tarrasense", la 5-an de novembro komenciĝis kurso de Esperanto; per ĉi tiu kurso, la Grupo Esperantista de Tarrasa inaŭguris la kurson 1974-1975, kies laborplano estas ja interesa.

### *VALLADOLID*

#### INAŬGURO DE LA ELEMENTA KURSO

La pasintan 14-an de Oktobro, en la salono de la sidejo de la Grupo Fido kaj Espero de Valladolid okazis je la 8,30 vespere, la solena inaŭguro de la ĉijara elementa kurso de la internacia lingvo Esperanto.

Unue, la Vicprezidanto S-ro Gamboa y Sánchez alparolis hispanlingve al la ĉeestantoj, kiuj plenigis la salonon, pri "Esperanto kiel taŭga internacia inter-

komprenilo". Sekve, S-ro López Nalda, kiu gvidos la kurson, klarigis al la novaj gelernantoj la metodon, kiun li sekvos por la instruado de la Internacia Lingvo.

Fine, per aŭdado de la Himno finiĝis tiu ĉi inaŭguro. La klasoj kun ĉeesto de pli ol 30 personoj, ĉefe gejunuloj, okazas lunde, merkrede kaj vendrede sub gvidado de la aktiva samideano S-ro López Nalda.

*L. Hernández*

*VIGO*

## PORTUGALAJ KAJ HISPANAJ ESPERANTISTOJ RENKONTIĜAS EN PORTO



Portugalaj kaj hispanaj gesamideanoj pozas por BOLETIN okaze de sia renkontiĝo en Porto.

En vojaĝo organizita de la Grupo "Paco kaj Amo" de Vigo, niaj galegaj samideanoj ekskursis al Porto (Portugalujo), kie ili renkontiĝis kun la tieaj gesamideanoj.

La vizito okazis la 12-an kaj 13-an de la pasinta monato oktobro, dum ĝi ili pritraktis ne nur turismajn reciprokajn vizitojn sed ĉefe pri plej efika kunlaborado.

Per ĉi tiu ekskurso la Grupo "Paco kaj Amo" inaŭguris la kurson 1974-1975, kies laborplanon ili zorge preparis.

*ZARAGOZA*

## KURSO DE ESPERANTO EN "CIRCULO CULTURAL MEDINA"

Kiel en antaŭaj jaroj, la Hispana Turisma Esperanta Sekcio organizis kurson de Esperanto en "Círculo Cultural Medina".

Post adekvata informado pere de la ĵurnaloj kaj Radio, la kurso, kiun gvidas S-ro Fernando De Diego, komenciĝis la 4-an de novembro. Ĝi okazas lunde kaj vendrede de la 8-a ĝis la 9-a vespere.

---

## HIMNO DE LA EŬROPA UNUECO

En la lasta numero de BOLETIN aperis muziko kaj vortoj de la Himno de la Eŭropa Unueco, kiun la esperantistoj de Calella de la Costa lernis por ĝin kanti okaze de la Oficiala Postkongreso de la 26ª IFEF-Kongreso okazinta en tiu bela urbo. De tiam, la esperantistoj de Calella adoptis ĝin kiel himnon de la Grupo.

Aŭtoro de la vortoj estas S-ro Félix de Valois, Prezidanto de la Grupo de Calella de la Costa (Barcelona).

# REVUO DE LA REVUOJ

De kiam UEA havas novan estraron, HEROLDO DE ESPERANTO fariĝis absolute fascina legaĵo. En la n.º 13, de 1 oktobro 1974, HEROLDO aperigas artikolon subskribitan de 'La redakcio' kaj titolitan *Anatomio de Kongreso,* kies tekston mi varme rekomendas al miaj legantoj, ĉar temas pri apenaŭ superebla modelo de intence konfuza kaj konfuziga ĵurnalismo.

Kiel ni jam menciis kaj komentis, HEROLDO, en ties n.º de 1 septembro 1974, aperigis anoniman artikoleton —do, de 'La redakcio' mem—, kiu deklaris, ke *«prof. Lapenna... gvidis UEA kun sindediĉo, kiu estas admirata de ĉiuj. La Movado estas unuanime kaj sincere dankema al li, sed ĝi opinias, ke post 25 jaroj venis la tempo por ŝanĝoj».*

Nun, en *Anatomio de Kongreso,* 'La redakcio' prezentas tute alian bildon de prof. Lapenna, asertante, ke *«tamen, liaj eraroj atingis, ĉefe en la pasintaj dek jaroj, preskaŭ same grandajn dimensiojn. Temas, interalie, pri sistema rifuzo de ĉiu kritiko kaj malsamopinia konsilo, nekapablo unuigi la esperantistojn, nekompreno de la hodiaŭa esperantista junularo kaj erara koncepto pri la rolo de prezidanto en moderna demokratio».*

Oni atentu pri tio: *ĉefe en la pasintaj dek jaroj,* t. e. ĝuste la tempon de la prezidanteco de prof. Lapenna. Do, pro ia stranga metamorfozo ne klarigita de 'La redakcio', viro de brila inteligento falis preskaŭ en kretenan staton. Nu, ni plu legu: *«En la '50-aj jaroj liaj ideoj estis revoluciaj kaj naskis novan impeton en la membraro. Bedaŭrinde ili poste ne adaptiĝis al la ideologio de la tempoj, sed iom post iom fosiliĝis* (tiel!) *ĝis kiam* (tiel!) *ili fariĝis konservativaj kaj dogmemaj».*

Sed 'La redakcio' ne ilustras per konkretaj ekzemploj kion ĝi tiel senĝene asertas pri prof. Lapenna: se oni lanĉas akuzon, oni subtenu ĝin per pruvoj; alie, ĝi akiras pure kaj simple la karakteron de kalumnio.

Mi ŝatus demandi al 'La redakcio': kia estas "la ideologio de la tempoj"? Kion oni "komprenu" pri la "hodiaŭa esperantista junularo"? En kio konsistas la "erara koncepto pri la rolo de prezidanto en moderna demokratio"? Kia devas esti "moderna demokratio"? Kial kaj kiel fariĝis "konservativaj kaj dogmemaj" la ideoj de prof. Lapenna? Kio estas ideo "konservativa kaj dogmema" interne de la neŭtraleco de UEA?

Vana demandaro. HEROLDO DE ESPERANTO ne ĝenos sin respondi, ĉar "*polemikoj evidente devos ĉesi*" (memorindaj vortoj de la nova estrarano de UEA, d-ro P. Denoel) laŭ la kriterioj kaj proceduoj de la "moderna demokratio".

Poste, 'La redakcio' diras: *«La nova estraro, laŭstatute kaj per grandega plimulto elektita en Hamburgo heredis katastrofan financan situacion... Unu jaron post rimarkebla plialtigo de la kotizoj, 1973 finiĝis per deficito de 60.000 gld».*

Jes. Sed 'La redakcio' prisilentas, ke la unua kaj ĉefa respondeculo de tia stato de la aferoj estas la sinjoro estrarano pri financoj, kiu devus siatempe doni, eĉ publike, la alarmon pri la malbona financa situacio de UEA kaj, se ignorata de la prezidanto, eksiĝi de siaj funkcioj kaj distrumpeti siajn motivojn. Tamen, la sinjoro estrarano pri financoj silentegis pri la afero ĝis la lasta momento, kio ne malhelpis, ke li okupas ankoraŭ la saman funkcion en la nova estraro, certe ĉar li ne estas konservativa kaj dogmema, ĉar li komprenas la hodiaŭan esperantistan junularon kaj ĉar li tute ne fosiliiĝis.

Nu, dum prof. Lapenna, laŭ la aplombaj asertoj de 'La redakcio', suferis kun la paso de la jaroj ian ankilozon kaj degeneron de siaj kapabloj kaj inteligento, tuj de kiam li fariĝis prezidanto, la propra 'Redakcio' modifiĝis laŭ inversa metamorfozo kaj kun la tempo ĝi fariĝis pli kaj pli saĝa, inteligenta kaj brila, se mi ne eraras pri la interpreto de la jena alineo: *«Se la kritikoj kaj la proponoj multfoje eldiritaj dum la lastaj jardeko kaj duono —interalie en artikoloj en HEROLDO, en leteroj al estraranoj kaj en sugestoj al la pasintaj estraroj— estus atentitaj, la nuna krizo ne ekzistus».*

Ve kaj ve! Kiel blindaj ni, esperantistoj, estas! Kiom da tempo ni vane perdis! Ĉar se 'La redakcio' estus prezidinta UEA-n anstataŭ prof. Lapenna, nia situacio estus plej prospera kaj ni havus jam ĉemane la triumfon de Esperanto!

Poste la artikolo regalas nin per vere surpriza novaĵo: la programo de la

nova estraro de UEA. Ĉu ESPERANTO, oficiala organo de UEA, bonvolos konfirmi la ekziston de tia programo? Ĉu HEROLDO scias pri la programo antaŭ ol UEA mem? En la nunaj cirkonstancoj, ĉio eblas.

Jen la programo:

1 *Konservi ĉiujn pozitivajn atingojn kaj pravajn gvid-principojn de la antaŭa periodo.* Kiel bedaŭrinde, ke 'La redakcio' forgesis klarigi, kiuj estas la "malpravaj" gvid-principoj de la dirita periodo!

2 *Restarigi la konkordon inter la esperantistoj.* Kiu konkordo? Ĉu vi ne asertas fojon post fojo, gesinjoroj de 'La redakcio', ke la grandega plimulto staras post la nova estraro? Do, oni devas restarigi nenion, se konsideri, ke la protestantoj formas apenaŭ et-etan grupeton da sensignifuloj nekapablaj kompreni ion!

3 *Liberaligi kaj junigi la Movadon.* Kiel oni "liberaligas" la Movadon? Ĉu per la elekto-procedoj de la "moderna demokratio" truditaj en Hamburgo kaj per la senkaŝa apliko de la "liberalaj sistemoj", kiuj regas en la modele liberalaj landoj komunismaj? Kaj kiel oni junigas la Movadon? Ĉu retenante en la estraro junulojn kiel s-roj Wensing kaj Woessink kaj rifuzante oldulojn kiel s-roj J. Wells, U. Lins kaj Jo Haazen?

4 *Sanigi la financan situacion en la daŭro de unu aŭ du jaroj.* Plej simpla afero. Iom post iom eliminu ĉiun servon kaj oficon de UEA, aŭ prefere, per unu fojo transformu ĝin en apendicon de MEM.

5 *Ne malgrandigi la agadon, sed pocente limigi la administrajn elspezojn kaj pligrandigi la helpon al gravaj eksteraj iniciatoj.* Oni ne povas sanigi la financan situacion sen *ĝenerala redukto* de la agado de la Asocio. Ĉio alia estas nura vorto-ĵonglado.

6 *Difini novajn filozofion kaj lingvo-politikon de UEA.* Tio signifas, ke la "malnovaj" ne plu plaĉas al la estraro. Se ni almenaŭ scius, en kio konsistas, laŭ la kriterio de la dirita estraro, la "malnovaj filozofio kaj lingvo-politiko" de la Asocio, ni povus diveni, kiaj estos la novaj. Sed, verdire, ili facile diveneblas, se konsideri, de kiu flanko blovas la "nova vento".

Post la difino de ĉi tiu surprize aperinta programo, 'La redakcio' komentas: "*la tasko estas giganta*".

Sed estas amuze legi, per kio oni entreprenos tiel "gigantan" taskon: «*Feliĉe, la nova estraro posedas plurajn atutojn: ĝi estas pli homogena kaj pli juna (do pli dinamika) ol la antaŭa*». Mi ne komprenas, kiel oni povas nomi la novan estraron *pli homogena,* se oni memoras, ke la prezidanto loĝas en Usono, milojn da kilometroj for de la ĉiutagaj aferoj de la Asocio kaj de la pli malpli latentaj konfliktoj interne de la estraro. Krome, pli granda juneco garantias nek pli grandan, nek pli efikan dinamikecon.

«*Ĝi* (la nova estraro) *havas pli grandan konfidon de la Komitato kaj de la Movado*». 'La redakcio' povas montri sin, eĉ kontraŭvole, plena de groteska humuro.

*Tri el ĝiaj membroj apartenis al la antaŭa estraro: ili zorgos pri kontinueco.* Pri kia kontinueco? Pri la kontinueco de la deficitoj? Pri la kontinueco de la personaj antipatioj kaj antagonismoj kontraŭ la prezidanto?

*Kelkaj estraranoj venas el la vicoj de la junulara movado TEJO.* Kio ŝajnas implici, ke la iama aparteno al TEJO aŭtomate donas la saĝon kaj la talenton necesan por funkcii kiel estrarano de UEA.

Ĉi tie mi volus fari necesan klarigon: nenio ligas min al prof. Lapenna, neniam mi parolis kun li aŭ renkontis lin. Mi komprenas, ke lia forta personeco altiris al li la antipation kaj la malbonvolon de parto de liaj pli proksimaj kunlaborantoj; sed mi absolute ne povas kompreni, ke tiaj kunlaborantoj, anstataŭ konsideri unue kaj antaŭ ĉio la futuron de la Asocio, preferis senti la plezuron vidi fali d-ron Lapenna, eĉ je la kosto transdoni la kontrolon de UEA al difinita sistemo politika, kiu detruos la progreson, kaj eĉ la ekziston mem, de la Asocio, same kiel siatempe ĝi detruis la progreson de la proleta SAT kaj ŝmiris per kalumnia koto la brilan figuron de alia organiza genio: E. Lanti.

——oOo——

En INTERLINGVISTIKA INFORMA SERVO, n.º 3, julio-aŭgusto-septembro 1974, aperas vere rivela artikolo: *U.K. —UEA internaĵoj 1974,* subskribita de d-ro Arturo Bormann:

*«La elektoj por la komitato kaj la estraro* —li diras— *estis preparitaj en akra, parte neagrabla elektobatalado. La prezidanto klopodis atingi konsiston de la komitato, kiu garantius lian reelekton. Tial li apelaciis en cirkulero al la voĉdonontoj, rekomendante elekti certajn kandidatojn en la komitaton. Tion fari estis nekontesteble lia rajto, eĉ se oni povus dubi, ĉu estis pravigeble, ke tia (ne-oficiala) elekto-rekomendo estis aldonita al oficiala informo de la Centra Oficejo. Tiu elekto-propagando de la prezidanto instigis siajn kontraŭulojn agi simile. Ili rekomendis al la voĉdonontoj siajn kandidatojn. Ankaŭ tio estas tute prava, eĉ se organizaĵoj el orientaj landoj urĝigis sian elekto-rekomendon en strikta formo, kiel tio kutimas tie».*

Pretendi doni la saman valoron al la elekto-rekomendoj de prof. Lapenna kiel al la elekto-rekomendoj de la organizaĵoj de la orientaj landoj indikas nur, ke d-ro Bormann ne taksas tre alta la inteligenton de siaj legantoj: eĉ la lernejaj infanoj scias, ke dum la voĉdonontoj povis laŭ tute libera kaj persona decido akcepti aŭ rifuzi la rekomendojn de d-ro Lapenna, aldonitajn aŭ ne al oficialaj informoj, la "rekomendoj" de la organizaĵoj el orientaj landoj estis senreplike obeendaj ordonoj, *kiel tio kutimas tie!*

Tamen, ni danku al d-ro Bormann, fervora kuntendarano de d-ro Tonkin kaj kompanio, ke implicite, kaj naive, li rekonas la ekziston de komunisma diktado en la elektoj de Hamburgo.

Poste, d-ro Bormann aldonas kritike: *«publikigi kontraŭajn opiniojn en la UEA-organo ne estis permisite».* Eĉ se li pravus, kio tre diskuteblas, la nuna, "moderna, liberala, demokratia" reĝimo de UEA rigore malpermesas la aperon, en ESPERANTO, de ĉiaj kontraŭaj opinioj.

——oOo——

El ESPERANTO, oktobro 1974, ni ricevas mirigan dialektikan lecionon: Sur ĝia dua paĝo legiĝas: *«Ni... emas preventi, ke la revuo refariĝu afiŝtabulo nur de la estraro aŭ de unu homo en ĝi, kio en la pasinteco ofte okazis kaj estis rekta atenco al la senpartieco de la revuo».*

Tamen en la sama teksto, kelkajn liniojn supre, legiĝas: *«Jam nun estas tute klare, ke ŝippereiga uragano nek okazas, nek okazos, kio devus seniluziige efiki ĉe kelkiuj, kies deziro kaj strebo tio estis, kies valora laborenergio tiucele fordiboĉiĝis post la 59.ª Universala Kongreso».*

Evidentas la kontraŭdiro kaj la nekonsekvenco inter la du alineoj, kaj oni tuj vidas, ke la redaktoro de ESPERANTO studis specialan ĵurnalismon en la sama lernejo kiel 'La redakcio' de HEROLDO: la "liberalan, novdemokratian" ĵurnalismon de UEA, kiu konsistas en tio, ricevi monon de la legantoj por, interŝanĝe, konfuzi kaj trompi ilin.

Kaj ĝis la proksima revu-rikolto, kun plej koraj salutoj,

*Fernando de Diego*

---

## H. E. J. S. - TENDARO

Okazonta en Zaragoza de la 27-a ĝis la 30-a de marto 1975

La Hispana Esperanta Junulara Sekcio (H.E.J.S.) decidis okazigi junularan renkontiĝon, por pristudi la laboron realigitan kaj realigotan.

La renkontiĝo okazos en Zaragoza.

En venonta numero de BOLETIN kaj en la bulteno de H.E.J.S. ni informos pri la programo kaj kondiĉoj.

Konstanta adreso: H.E.J.S., Junulara Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio, str. Barrencalle Barrena, 7, 1.º, BILBAO-5.

# ELEKTO KAJ PROKLAMADO DE LOKA KAJ DISTRIKTA "PUBILLES" DE SABADELL




Ĉifoje estas en Sabadell, kie Esperanto ludis rimarkindan rolon en neesperantista medio.

En pluraj katalunaj urboj estas kutimo ke la diversaj asocioj elektas sian "Pubilla", kiu devas reprezenti la asocion en diversaj aranĝoj, kiuj okazas en la urbo laŭlonge de la jaro.

Je la komenco de 1974, Centro de Esperanto Sabadell elektis fraŭlinon Silvia Martínez kiel "Pubilla Esperanto-Sabadell", kiu inde reprezentis la asocion en tiu industria urbo.

La 26-an de oktobro okazis en Sabadell la elekto de "Pubilla de Sabadell" 1974, inter la "Pubilles" de la asocioj. En tiuj konkursoj la fraŭlinoj, krom esti belaspektaj kaj graciaj, devas superi simplan pruvon pri klereco. Ĉijare, la elekto de Pubilla de Sabadell trafis nian samideaninon Silvia Martínez, "Pubilla Esperanto-Sabadell", kiu de nun kaj dum 1975 estos bela reprezentantino de la urbo en aranĝoj, ne nur lokaj sed de aliaj katalunaj urboj.

La saman tagon, nokte, en centra restoracio okazis tre bela festo por proklami la venkintinojn en la elekto "Pubilla de Sabadell" kaj "Pubilla Comarcal" (distrikta), tiu lasta, elektita el la "Pubilles" de kvin urbetoj de la distrikto Sabadell.

La legadon de la akto per kiu la juĝantaro proklamis nian samideaninon Silvia Martínez "Pubilla Esperanto-Sabadell" kiel "Pubilla de Sabadell" 1974, sekvis varma ovacio, kaj la vorto Esperanto plurfoje aŭdiĝis tra la salono dum tiu simpatia festo.

Nia samideanino Silvia profesie estas Sekretariino; rilate al lingvoj ŝi studis la francan, la anglan kaj Esperanton.

La elekto de "Pubilla Comarcal" trafis fraŭlinon Montserrat Berenguer, de Caldas de Montbuy, kies elekto ankaŭ estis varme aplaŭdita. Ĝis nun, ŝi ne lernis Esperanton, sed mi esperas ke antaŭ la fino de ŝia reprezentado ni povos kalkuli ŝin inter niaj aktivaj samideaninoj.

Ĉijare, krom la lokaj aŭtoritatuloj, partoprenis la feston komisiono de Escaldes - Engordany (Kunprinclando Andoro), kiun prezidis la Konsulo de Escaldes - Engordany.

Multajn demandojn pri Esperanto kaj pri la asocio de ŝi reprezentita devis respondi nia samideanino, kaj ankaŭ multajn gratulojn ŝi ricevis al kiuj ni aldonas la nian plej sinceran.

*Red.*

---

Ĵus ni ricevis jenan lastmomentan informon: Ĝuste du semajnojn post ŝia elekto kiel "Pubilla Sabadell", nia samideanino estis proklamita "Pubilla Barcelona Provinco". Ĉifoje la elekto kaj proklamado okazis en Gerona, kie, denove, ŝi havis okazon informi pri Esperanto.

Denove, sinceran gratulon.

# XVI^a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Sceno de la verketo.

Parto de la partoprenantoj en la XVI^a Kataluna Esperantista Renkontiĝo antaŭ la Urbodomo.

TIP. C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63